LONDONA TRANSPORTO

# THE BRITISH ESPERANTIST

With which is incorporated
INTERNATIONAL LANGUAGE

Vol. XXXI., No. 394
FEBRUARY 1938
Price 2d

THE OFFICIAL ORGAN OF THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION

---

THE British Esperanto Association consists of men and women who believe that Esperanto is one of the important factors of modern progress; that by its aid international communication of every type is facilitated.

Esperanto is intended not to replace the national tongues, but, acting as a second language for people of all nations, to facilitate both written and spoken communications between them.

**YOU**

are invited to co-operate in spreading a knowledge of Esperanto by completing the following application for membership :—

TO THE SECRETARY,
**THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION (Inc.),**
142 HIGH HOLBORN, LONDON, W.C.1.

**I,**.................................................................................................................

*hereby apply for membership of THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION (Inc.), and enclose the first Annual Subscription,* 5/–. *(Persons under* 18 *may join as Junior Members, subscription* 2/6 *per annum). I agree to be bound by the Memorandum and Articles of Association (a copy of which is sent to all candidates for Membership).*

*Signature* .................................................................................................

*Nationality* ..............................................................................................

*Rank, Profession or Occupation*..................................................................

*Address*....................................................................................................

*Date*.................................................... *Age (if under* 18).........................................

# POPULARA ESPERANTO - BIBLIOTEKO

Bonaj libroj, bele eldonitaj kaj binditaj, prezo nur 3ŝ. 6p. plus afranko 6p.

La jenaj libroj jam aperis:

1. **LA VIRO EL FRANCUJO.** Ivans (W. Versteeg Graftdijk).
2. **QUO VADIS** (Vol. I). H. Sienkiewicz (Lidja Zamenhof).
3. **QUO VADIS** (Vol. II). H. Sienkiewicz (Lidja Zamenhof).
4. **ŜI.** Rider Haggard (G. J. Degenkamp).
5. **FANNY.** Edna Ferber (Berno Fabo).
6. **RIĈA KAJ SEN MONO.** E. P. Oppenheim (F. E. Wadham).
7. **LA ORA ŜTUPARO.** E. P. Oppenheim (Romford Esp. Societo).
8. **LUNO DE IZRAEL.** Rider Haggard (Payson kaj Butler).
9. **PINOKJO.** C. Collodi (M. Marchesi).
10. **LA DORMANTO VEKIĜAS.** H. G. Wells (A. F. Milward).
11. **PETROLO** (Vol. I). Upton Sinclair (W. Bailey).
12. **PETROLO** (Vol. II). Upton Sinclair (W. Bailey).
13. **LA AVENTUROJ DE MARTENO DRAKE.** G. Norway (W. Severn).
14. **LA NAIVECO DE PASTRO BROWN.** G. K. Chesterton (D-ro C. Bean).

Aliaj sekvos po du dum ĉiu jaro.

Eldonitaj de

THE ESPERANTO PUBLISHING COMPANY Ltd.

Aĉeteblaj ĉe

BRITA ESPERANTISTA ASOCIO

142, High Holborn, London, W.C.1.

KAJ ĈIU ESPERANTA LIBROVENDISTO.

Printed by Sumfield & Day, Ltd., Station Street, Eastbourne, for the Publishers, The British Esperanto Association, Inc., 142, High Holborn, London, W.C.1.

// THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXXI, No. 394 FEBRUARY, 1938

# LA REDAKCIO KOMENTAS

**IEL-Konkurso**

NI ricevis la finajn ciferojn pri la Internacia Konkurso de IEL inter la landaj asocioj. Ĝia bazo estis la membro-nombroj de 1937 kompare kun tiuj de 1935. La rezulto estas iom stranga, ĉar Britujo, kies poentoj estas 100.02 de ĝia "kvoto," kaj kiu havis en ambaŭ jaroj la plej grandan nombron da membroj de la internacia organizo, atingis nur la naŭan lokon. La gajninta lando, Norvegujo, ricevis 660%, kaj ni kore gratulas NEL, kiu sukcesis pli ol sesobligi sian membraron. Ŝajnas, tamen, ke la konkurso komparis du jarojn vere ne kompareblajn. Oni nun komencas novan konkurson, kies elirbazo estos la nombroj por la nuna jaro, kaj ni povas esperi, ke la rezulto pli efektive montros la veran staton de la afero.

Se ĉiu membro de BEA, kiu povas tion fari, aliĝos nunjare en unu el la "individuaj" kategorioj, ni rajtas esperi, ke nia lando trovos sin ĉe la supro de la listo en la fino de 1938.

* * *

**Tri-Jara Plano**

Kiam ni skribas ĉi tion, la ciferoj pri nia propra Tri-Jara Plano ankoraŭ ne estas pretaj, ĉar nia oficejo atendas la regionan analizon de la rezultoj de la ekzamenoj de R.S.A. Se tio alvenos antaŭ ol ni finpresigos, ni donos la rezulton en iu paĝo de la nuna numero; alie ni publikigos ĝin en nia marta numero.

* * *

**Esperanta Infano**

Nia rubriko "Persona" enhavas tre interesan anoncon en la nuna numero, nome tiun pri la edziniĝo de f-ino Myfanwy Butler, plej aĝa filino de nia Propaganda Sekretario. Idino de Esperantistaj avo kaj gepatroj, ŝi ekkonis Esperanton kiel gepatran lingvon, kaj ĝis sia tria jaro parolis neniun alian. Tiun kuraĝan eksperimenton de Montagu kaj Amy Butler, kiun ili ripetis ĉe infanoj poste naskitaj, la tuta mondo Esperantista observis kun ĝojo kaj interesiĝo, kaj la rezulto klare pruvis, eĉ se mankus aliaj pruvoj, ke Esperanto estas vivanta lingvo.

Dezirante dumvivan feliĉon al nia Myfanwy kaj ŝia edzo, ni esprimas la esperon, ke s-ino Kidney restos ĉiam fervora disĉiplino de Zamenhof, kreinto de la lingvo, per kiu ŝi unue vestis siajn pensojn.

* * *

**Bonvenon!**

En la pasinta monato ni havis la plezuron bonvenigi en nian landon la lertan Cseh-metodan instruistinon, Margarete Saxl. Malgraŭ registaraj obstakloj renkontitaj okaze de antaŭaj projektoj tiaj, la Organiza Komitato de la Londona Kongreso kaj la Londona Federacio sukcesis akiri permeson dungi eksterlandan instruistinon, kaj nun la Londona Esperantistaro devos plene profiti tiun bonan okazon utiligi la servojn de unu el la plej sukcesintaj uzantoj de la Cseh-metodo.

F-ino Saxl jam komencis instrui specialan kurson ĉe la Londona Esperanto-Klubo, kaj baldaŭ ŝi entreprenos la diversajn specialajn kursojn, kiujn la Kongresa Komitato organizos por oficistoj kaj laboristoj diversaj, prepare por la XXXa.

* * *

**Gazetaro**

La tondaĵoj, kiujn nia gazetara agentejo sendas al ni, montras kreskantan menciadon de Esperanto en la brita ĵurnalaro. Ni gratulas niajn membrojn, kiuj profitas la okazon de la venonta U.K. por skribi al la redakcioj. Dum januaro letera debato por kaj kontraŭ nia lingvo daŭris du semajnojn en *News Chronicle*. Interese estas ankaŭ, ke preskaŭ ĉiu gazeto en la lando menciis Esperanton kiel unu el la lingvoj uzotaj ĉe British Industries Fair.



**Aŭtobuso por Loka Trafiko**

[*Foto : London Transport*

# LONDON TRANSPORT

## Plej granda urba transport servo en la mondo portas ĉiutage 12,000,000 pasaĝerojn

*Speciale verkita por* THE BRITISH ESPERANTIST

KIAM la tutmondaj Esperantistoj estos en Londono, ili ofte vidos la nomon "London Transport." Ĉar tiu organizaĵo ne nur provizos aron da aŭtoĉaroj por ilia speciala uzado, sed kiam ajn ili veturos en aŭtobusoj, subteraj fervojoj, tramoj, tram-aŭtobusoj (senrelaj tramoj) aŭ aŭtoĉaroj, ili devos uzi la veturilojn de London Transport.

London Transport estas mallongigo de "London Passenger Transport Board." Ĝi estas sendependa aŭtoritato, kiun kreis la Parlamento en 1933 por prizorgi preskaŭ ĉian publikan transportrimedon en regiono, kies amplekso estas 5000 kv. Km., kaj kiu havas kiel centron Londonon. La esceptoj estas taksiaŭtoj kaj la linioj de la kvar fervoj-kompanioj. Kun tiuj du esceptoj, neniu povas entrepreni publikan transportadon en la menciita regiono sen la konsento de London Transport.

Publikan transportadon de pasaĝeroj en Londono iniciatis kaj evoluigis privataj entreprenoj. De la jaro 1907, kiam s-ro Albert H. Stanley fariĝis administranto de la subteraj fervojoj, evidentiĝis tendenco al kunigo de ĉiuj koncernataj organizaĵoj. Post la milito, multe de la atingita sukceso disfalis, kiam nombro da sendependaj entreprenoj inundis la stratojn per veturiloj. Multaj el ĉi tiaj entreprenoj estis malgrandaj kaj nefidindaj. Ili ekzistis nur por rikolti la plej bonan parton de la trafiko, kaj la respondeco plenumi la efektivan bezonon restis ĉe la ĉefa kompanio ("London General Omnibus Company"), kiu samtempe devis priatenti la sekurecon kaj laborkondiĉojn de siaj laboristoj.

Kondiĉoj sur la stratoj fariĝis tiom kaosaj kaj danĝeraj, ke la Parlamento intervenis por limigi la nombron de entreprenoj. Fine, en 1933 la longe atendita kunigo de la Londona transporto kompletiĝis per la kreo de la London Passenger Transport Board, kun la sama s-ro Albert Stanley (antaŭ longe fariĝinta Lord Ashfield) kiel Prezidanto de la organizaĵo. En la formado de la necesa leĝaro, kaj la Konservativa, kaj la Laborista Partioj kunhelpis.

Naŭdek entreprenoj kunfandiĝis en la nova aŭtoritato, kiu estas la plej granda urba transport-servo en la mondo ; la sola, kiu kombinas la posedadon de aŭtobusoj, aŭtoĉaroj, tramoj, tram-aŭtobusoj, subteraj kaj surteraj fervojoj ; kaj ankaŭ la sola pasaĝera organizaĵo, kiu kombinas entreprenojn antaŭe poseditajn kaj de privataj kompanioj, kaj de urbo-aŭtoritatoj.

La 92 entreprenoj konsistis el 5 fervoj-kompanioj, 17 tram - kompanioj kaj -aŭtoritatoj, 62 aŭtobus-kompanioj, 4 aŭtoĉaraj kompanioj, kaj 4 filiaj entreprenoj, kia, ekzemple, la elektrejo en Lots Road, kiu produktas la energion por granda parto de la fervojoj kaj tramvojoj.

La permesita kapitalo de London Transport, kiu reprezentas la koston de la transport-servoj, kiujn ĝi kunigis, estas preskaŭ £124,000,000. La loĝantaro, pri kies ĉiutaga transportado ĝi respondecas, estas pli ol 9½ milionoj, kaj ĉiun tagon okazas 12,000,000 veturoj. La veturiloj konsistas el 6,500 aŭtobusoj kaj aŭtoĉaroj, 3,150 relvagonoj, 2,060 tramoj, kaj 594 tram-aŭtobusoj. La organizaĵo posedas 181 staciojn, 84 aŭtobusejojn, 31 tramejojn kaj 141 moviĝantajn ŝtuparojn. La Kongresanoj trovos tiujn movŝtuparojn preskaŭ tiel trafa trajto de la Londona vivo, kiel la famaj ruĝaj aŭtobusoj. La laboristaro nombras pli ol 82,000, kaj la meza gajno

de tiuj, kiuj estas pagataj semajne, estas 2·1375.

La plej drama okazaĵo de la administrado okazis, kiam la Registaro konsentis garantii prunton de £40,000,000. Tio estis por ebligi al London Transport, kune kun la kvar fervoj - kompanioj, la entreprenon de vasta programo de urĝe bezonataj rekonstruado kaj pliampleksigo de la servoj. Tiu laboro estis neebla al privataj organizaĵoj, ĉar estis nenia espero, ke ili gajnos dum modera tempospaco sufiĉe da mono por pagi la rentumon de la bezonata kapitalo. Sed kiam transportado troviĝis en la manoj de publika aŭtoritato, la Registaro povis helpi finance. Tiel, do, okazis frua kaj trafa pruvo pri la valoro de kuniĝo.



**Nova Stacidomo de Subtera Fervojo**

[*Foto : London Transport*

Per la helpo de la Registaro, London Transport povis ricevi monon je tre malalta rentumo, tiom malalta, ke ĝi povis akcepti la respondecon plilongigi la subterajn fervojojn, rekonstruante liniojn kaj staciojn por ebligi la plimultigon kaj plirapidigon de la diversaj servoj. Oni mendas grandajn kvantojn da novaj relvagonoj, kun pli granda portkapablo, kaj konvertadas ĉiujn Londonajn tramliniojn en tram-aŭtobusajn servojn.

La laboro laŭ la kvardekmiliona programo atingos sian zeniton ĉi tiun jaron, kiam preskaŭ £12,000,000 estos elspezataj dum la 12 monatoj. Veturante en Londono, Kongresanoj vidos multajn signojn de London Transport en rekonstruado.

Estas triumfo, ke en ĉi tiu laboro la kvar ĉeffervojoj, kiujn posedas privataj akcikompanioj, kunagas kun London Transport kiel unu organizaĵo. Ĉiam ekzistis multe de tia kunagado, sed ĉe la veno de London Transport la diversaj supraĵe konfliktantaj entreprenoj akordiĝis en maniero, kiun multaj homoj estis kredintaj neebla. La bazo de London Transport estas, ke la tuta mono ricevita de la organizaĵo, kaj de la ĉeffervojoj rilate al ties enspezoj por urba veturado en la menciita regiono, estas pagata en unu komunan kason. Poste oni distribuas la kunmetitan sumon laŭ ellaborita bazo. Kompreneble, London Transport ricevas la plej grandan parton, proksimume 62%. Fiksante la bazon, kontistoj analizis dekmilojn da veturprezoj pagitaj de pasaĝeroj en 40-kilometra radio de la centro de Londono.



**Plej Moderna Vagonaro de Subtera Fervojo**

[*Foto : London Transport*

Tiun ĉi jaron oni konstruos pliajn 16 kilometrojn da subteraj linioj. Laboro komenciĝos pri 7 novaj stacioj kaj la rekonstruo de 15 stacioj. Kontraktoj ekzistas por la konstruo de 500 novaj relvagonoj kaj 400 novaj tram-aŭtobusoj, kaj finiĝos la

rekonstruo kaj pligrandigo de la aŭtobusejo en Chiswick, la fervoja riparejo en Acton., kaj la vagonejo en Neasden. Oni ankaŭ komencos projekton, kiu fine certigos, ke la subteraj fervojoj estos la plej senbruaj en la mondo.

Sed eĉ ĉi tiu kvardekmiliona programo ne estas la fino, sed nur paŝo, kvankam grava paŝo, al la ideala Londona transporto, kiun celas Lord Ashfield kaj la organizaĵo. Oni jam elpensis pliajn projektojn. Ĉiam planante la estontecon dum servado al la nuno, London Transport intencas plialtigi sian reputacion kiel la plej progresinta urba transport-servo en la mondo.



**Interurba Aŭtoĉaro "Green Line" apud Marble Arch**
*Foto: London Transport*

# LA SURSTRATA VIVO DE LONDONO

DE E. W. AMOS

ONI neniam imagu, ke la solaj vidindaĵoj de kiu ajn urbo konsistas el konstruaĵoj kaj tiaj aferoj, ĉar tio ja ne estas vera. Se la turisto nur atente rigardas ĉion, kion li vidas okazi sur la stratoj, li trovos mil interesaĵojn, kaj poste li povos multe pli prave pretendi, ke li konas la urbon, ol tiu, kiu kontentis teni sin al la oficiala listo de vidindaĵoj. La turisto vizitu la famajn muzeojn, la famajn palacojn, jes, sed farante tion li nepre ne forgesu la pli banalajn aferojn kaj okazaĵojn, kiuj abundas sur la stratoj. Super ĉio, li studu la *homojn* kaj ties diversajn tipojn.

En Londono la observemulo trovas sin preskaŭ en paradizo de interesaĵoj, kaj iujn el ili mi volas mallonge priskribi, iujn el la dek mil facetoj de la ĉiutaga londona vivo, kiujn la turisto povas vidi kaj ĝui sur la bruaj, movoplenaj stratoj de tiu ĉi plej multkolora el ĉiuj urbegoj.

### Gigantoj

Paŝinte en la tumulton de la stratoj el la relativa trankvilo de fervojstacio, la fremdulo tuj rimarkas ŝajne senfinan vicon de grandegaj ruĝaj aŭtobusoj. Tiuj ĉi duetaĝaj gigantoj vere svarmas en Londono, kaj ili ne nur estas lukse komfortaj, sed ankaŭ—pli fratece ol en iuj aliaj ĉefurboj—ili havas nur unu klason. Nia vizitanto rimarku la konduktoron, kiel vigle li plenumas sian teruran taskon, prizorgi sesdekon da homoj, kiuj ŝanĝiĝas senĉese—iras kaj venas, jen li estas sur la supra etaĝo, kun sia raŭka krio "fares please" (pagojn mi petas), jen denove li estas malsupre. Kia streĉa laboro! Sed ili estas gajaj viroj, tiuj konduktoroj, karaj al ĉiuj Londonanoj pro sia ĉiama bonhumoro.

Ankaŭ duetaĝaj kolosoj estas la tramoj de Londono, sed ilin oni ne vidas en la centra parto, kvankam el la eksteraĵoj ili venas kiel eble plej proksimen. Certe interesas la fremdulon, ke en unu loko (ne malproksime de la kongresejo) la tramoj venas el la nordo de la urbego kaj tute *subiras* la centron, por poste ekaperi ĉe la bordo de la Tamizo!

### Sur la Trotuaro

En Britujo kaj ties ĉefurbo regas sennombraj tradicioj, kiuj jam tiom enradikiĝis, ke neniu aŭtoritato kuraĝus nuligi ilin—eĉ se ĝi volus, kaj tio estas dubebla. En Londono la gazetvendistoj kaj florvendistinoj staras ĉiutage sur sia propra loketo, kaj kvankam protektas ilin nenia statuto, tiu vorto "propra" havas por ili sian plenan signifon ; neniu eĉ pensus disputi ilian rajton. Sed plej trafe montras tiun strangan econ en la brita pensmaniero la tiel nomataj "pavement artists," la senlaboruloj, kiuj almozpete sidas sur kiu ajn trotuaro inter aro da desegnaĵoj. La bildoj estas desegnitaj aŭ sur la pavimo mem, aŭ artistmaniere sur tabuletoj. Ofte ili estas faritaj tre bone, kaj foje eĉ mirige bone, tiel ke la preterpasantoj demandas sin, kial tiaj lertaj artistoj ne povas trovi pli dignan laboron.

Simile surprizaj al alilanduloj devas esti la oratoroj, kiuj staras (precipe dimanĉe) en Hyde Park, apud la "Marble Arch," kaj laŭtvoĉe donas siajn opiniojn pri politiko kaj religio laŭ plej sentima maniero. En tiu sankta loko ili "rajtas" diri ĉion ajn (preskaŭ !) kion ili volas, kaj estas ĉiam amuze rigardi, kiel bonhumore mokas la preleganton la ĉirkaŭanta aro da homoj, se ili ne tute estimas liajn deklarojn. Al tiuj, kiuj volas studi la trankvilan toleremon de tipa angla homamaso, tiu oratora angulo estas nepre vizitinda.

### Paco kaj Ordo

Kaj nun—la policanoj. En Londono—ĉu en iu alia ĉefurbo ?—la policano funkcias kiel ĉies amiko, kaj, se necese, helpanto. Li efektive estas impona simbolo de la esencaj ordemo kaj pacemo de la Londonanoj. Foje, kiam mi menciis al alilandanoj, ke la Londonaj policanoj portas nenian armilon krom simpla (certe efika) bastoneto, oni tuj demandis, kio okazas, kiam iu atakas ilin per pafilo. La respondo estas simpla : tio ne okazas. Efektive, treege malofte okazas tia atenco kontraŭ policano, kaj simile, eĉ kiam malofte okazas politikaj "kunpuŝiĝoj" sur la stratoj, *neniam* estas uzataj pafiloj, aŭ de la polico, aŭ de la malamikaj partioj. Oni, do, ne hezitu peti la helpon de Londona policano ; li estas afabla homo, kiu volonte donas la plej diversajn informojn—sed kompreneble, ne tro ĝenu lin, kiam li okupiĝas direktante la trafikon.

Ĉie en la centra parto de Londono, kaj precipe sur la placoj kaj antaŭ la famaj konstruaĵoj, oni vidas amasojn da kolomboj, kiuj tute sentime vagetas inter la homoj kaj trafiko. Multaj bonkoruloj alportas nutraĵon por tiuj ĉi grandaj birdoj, sed nuntempe ili tro abundas, kaj la aŭtoritatoj regule kaptas ilin por malpliigi la nombron.

### Iru—Haltu

Pri la Londono trafiko, alilandanoj kutime diras, ke malgraŭ ĝia terura denseco ĝi estas surprize bonkonduta. Certe ĝi estas multe malpli brua kaj aroganta ol la trafiko de Parizo. Nuntempe ĉe ĉiu grava angulo troviĝas trafikindikiloj—ruĝa lumo indikas, ke la trafiko haltu, verda, ke ĝi iru, kaj oranĝa, ke ekokazos ŝanĝo. Foje oni vidas tiajn indikilojn por piedulojn, se jes, oni zorge atentu ilin ! Sendube la fremdulo demandos al si, kion signifas la du metrojn altaj globhavaj stangoj, kiuj diversloke staras sur la trotuaro. Efektive, kiam antaŭ nelonge la aŭtoritatoj "plantis" tiujn ĉi strangaspektajn aferojn, la Londonanoj akceptis ilin kiel la plej grandan ŝercon dum multaj jaroj. Ili servas por montri, ke ĝuste en tiuj lokoj la piedulo rajtas senĝene transiri la straton inter du vicoj de najloj, kaj ke laŭleĝe la trafiko dume devas ne eniri la sanktan teritorion. Praktike, tamen, la plej multaj pieduloj ne uzas la rajton, kaj la plej multaj aŭtomobiluloj ne tre respektas ĝin. Kelkloke ekzistas subteraj transirejoj, kiujn senhezite uzas la konscienca piedulo—kio bedaŭrinde signifas, ke la plej multaj ignoras ilin.

### Dimanĉo

Granda nombro de la eksterlandaj kongresanoj certe alvenos en Londono antaŭ dimanĉo, kiam okazos la oficiala inaŭguro. Ili, do, spertos tiun unikan fenomenon—la Londonan dimanĉon. Ĝis antaŭ nur tre malmultaj jaroj Londono mortis ĉiun dimanĉon ; nenio okazis, nenio ja povis okazi ; la dum ses tagoj bruega urbo fariĝis morte silenta, kiam venis dimanĉo. Nun ĉio ĉi jam iomete ŝanĝiĝis, sed ne tre. Ankoraŭ eble surprizas la alilandanojn, ke ĉiuj butikoj kaj magazenoj—krom, feliĉe, kelkaj manĝejoj — estas fermitaj dimanĉon, kaj en la centro kaj precipe en la "City" trafiko preskaŭ ne ekzistas. Serene kaj feliĉe nia turisto povas vagi sur ties eĉ *ĉefaj* stratoj kiel poeto sur la frumatenaj kampoj, sed ve !—tiu privilegio venas nur dimanĉe—li nepre ne kredu, ke ankaŭ lundon li povos agi same !

(*Daŭrigota*).




# KONGRESA BULTENO

No. 2 FEBRUARO 1938

## OFICIALA INFORMILO

**Adreso por leteroj.** — Sekretario, 30a Universala Kongreso de Esperanto, Heronsgate, Rickmansworth (Herts.), Anglujo.

**Kongresejo.**—University College, Universitato de Londono.

La Interkoniĝa Vespero okazos en Wharncliffe Rooms, Great Central Hotel, tute apud Marylebone Stacidomo.

La Oficiala Inaŭguro estos en Dominion Theatre, Tottenham Court Road ; belega konstruaĵo kun loko por preskaŭ 3,000 personoj.

La balo okazos en Alexandra Palace en norda Londono.

**Kotizoj.**—Ĝis 31-3-38, £1-5-0 ; post 31-3-38, £1-10-0. La edzo aŭ edzino de kongresano, kaj gejunuloj ne pli ol 20-jaraj, pagas la duonon de ĉi tiuj sumoj. Estas oportune sendi kotizojn en registrita letero per britaj ŝtataj monbiletoj, haveblaj ĉe bankoj kaj monŝanĝejoj en multaj urboj. Se oni sendas pagojn per poŝtmandatoj, oni **ĉiam** sendu samtempe informon pri la **nomo kaj adreso de la sendinto** kaj la celo de la pago, ĉar la brita poŝtadministracio ne skribas mesaĝojn sur poŝtmandatoj. La poŝtĉekkonta sistemo ne ekzistas en Britujo. Ĉekoj kaj aliaj pagiloj estu pageblaj al Internacia Esperanto-Ligo.

**Blinduloj.**—Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskartojn senpage, sed iliaj aliĝoj devas esti aprobitaj de s-ro W. P. Merrick (kasisto de la Blindula Ligo), Penso, Shepperton, Middlesex, Anglujo.

**Aliĝiloj.**—Nun haveblaj ĉe la kongresoficejo, kaj ĉe la ĉefaj gazetoj kaj Landaj Asocioj.

**Donacoj.**—La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por helpi al la plena sukceso de la Kongreso. Donacoj jam ricevitaj £10. 17ŝ. 3p.

**Blindula Kaso.**—La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por ebligi, ke blinduloj partoprenu la Kongreson. Jam ricevita £17. 9ŝ. 2p.

**Loĝado.**—Kiel eble plej baldaŭ oni dissendos loĝmendilojn. Intertempe, povas esti, ke la jena informo utilos :

Hoteloj : lito kun matenmanĝo, po 4½ ĝis 14 ŝilingoj ĉiutage. (Alilandanoj notu, ke la angla matenmanĝo estas iom ampleksa).

Oni ankaŭ esperas aranĝi pli malkarajn loĝejojn.

La Organiza Komitato ne garantios loĝejon al iu ajn kongresano, kies aliĝilon ĝi ne estos ricevinta antaŭ la 1a de julio.

**Fakaj kunvenoj.**—Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

**Oficiala organo.**—Ĉiu kongresano ricevos la gazeton THE BRITISH ESPERANTIST de januaro ĝis julio, kaj poste la numeron, kiu enhavos la raporton pri la Kongreso.

**Presaĵoj.** En la kongresejo kaj kongresaj kunvenoj oni rajtos disdoni cirkulerojn kaj ĉiajn aliajn presaĵojn nur post *antaŭa* aprobo de la kongresa komitato.

**Dokumentaro.** La sama postulo rilatas al presaĵoj disdonotaj kun la oficialaj kongresdokumentoj ; tio estas, ili devos ricevi la *antaŭan* aprobon de la komitato kaj devos alveni ĉe adreso indikota, plej malfrue du semajnojn antaŭ la kongreso.

**Flegistino.**–Esperanto-parolanta flegistino deĵoros en la kongresejo kaj ĉe ĉiuj gravaj aranĝoj.

**Membraro.** Ĝis la hodiaŭa dato (6-1-1938) aliĝis al la kongreso 825 personoj el 25 landoj.

*Por la Organiza Komitato,*
CECIL C. GOLDSMITH,
*Sekretario.*

### LISTO DE KONGRESANOJ

21. P. W. Baas, Amsterdam, Nederlando.
22. P. Hendriks, Leeuwarden, Nederlando.
23. J. Couteaux, Paris, Francujo.
24. F. Heikenwalder, Prostějov, Ĉeĥoslovakujo.
381. S-ino E. Pascoe, Sheffield, Anglujo.
382. P. V. Pascoe, Sheffield, Anglujo.
383. F-ino M. Kaye, Huddersfield, Anglujo.
384. N. Roscoe, Croydon, Anglujo.
385. F-ino A. B. Howlett, Bushey, Anglujo.
386. M. Roost, Anvers, Belgujo.
387. P. Th. Justesen, Fannerup, Danlando.
388. G. A. Dauris, London, Anglujo.
389. S-ino K. D. Cockrell, Woodbridge, Anglujo.
390. F-ino D. R. Cockrell, Woodbridge, Anglujo.

391. F-ino P. M. Strapps, Ilford, Anglujo.
392. S-ino M. J. Strapps, Ely, Anglujo.
393. F-ino C. A. Le Fèvre, London, Anglujo.
394. F. T. Cockrell, Woodbridge, Anglujo.
395. W. M. Goodes, Upminster, Anglujo.
396. S-ino A. L. Goodes, Upminster, Anglujo.
397. W. Mead, Romford, Anglujo.
398. R. W. F. Kyftenbelt, Nice, Francujo.
399. L. van Ameyden, Nice, Francujo.
400. D. Christie, Aberdeen, Skotlando.
401. F-ino E. Garraway, Sheffield, Anglujo.
402. F-ino Edith Garraway, Sheffield, Anglujo.
403. F-ino M. H. Skeate, London, Anglujo.
404. V. V. Sumfield, Eastbourne, Anglujo.
405. S-ino R. A. Sumfield, Eastbourne, Anglujo.
406. S-ino M. Scott, Letchworth, Anglujo.
407. G. Saget, Elbeuf, Francujo.
408. F-ino M. Sidders, London, Anglujo.
409. F-ino S. E. Kirby, London, Anglujo.
410. F-ino M. Barnes, London, Anglujo.
411. W. G. Pickard, London, Anglujo.
412. S-ino G. Kavanagh, London, Anglujo.
413. S-ino F. E. Gould, Goodmayes, Anglujo.
414. F. W. Armitage, Winscombe, Anglujo.
415. S-ino I. L. Armitage, Winscombe, Anglujo.
416. S-ino Beau, Marseille, Francujo.
417. Prof. J. P. Beau, Marseille, Francujo.
418. P. H. Lewis, Didcot, Anglujo.
419. D. Ponti, Den Haag, Nederlando.
420. J. Hesketh, Birmingham, Anglujo.
421. F-ino S. Andersson, Vrena, Svedujo.
422. F-ino A. Nilsson, Ektorp, Svedujo.
423. G. Johansson, Stockholm, Svedujo.
424. F-ino R. Ohlsson, Borås, Svedujo.
425. F-ino L. Paulsen, Borås, Svedujo.
426. F-ino V. Björk, Borås, Svedujo.
427. S-ino I. Bellatti, West Wickham, Anglujo.
428. S. Bellatti, West Wickham, Anglujo.
429. F-ino A. Williams, Stretford, Anglujo.
430. F-ino A. Lavender, Timperley, Anglujo.
431. S-ino A. E. Bagguley, Twickenham, Anglujo.
432. F. A. Bagguley, Twickenham, Anglujo.
433. G. A. Ferguson, Lincoln, Anglujo.
434. J. S. Finch, London, Anglujo.
435. S-ino B. Ames, London, Anglujo.
436. F. Ames, London, Anglujo.
437. F-ino D. G. Piper, London, Anglujo.
438. F-ino C. A. Cork, London, Anglujo.
439. F-ino P. E. Cork, London, Anglujo.
440. F-ino C. Heim, Salorino, Svislando.
441. E.E. Spielmann, Bern, Svislando.
442. S-ino E. Finch, London, Anglujo.
443. F-ino D. Cooper, Bromley, Anglujo.
444. A. R. Brett, London, Anglujo.
445. S-ino A. M. Jayne, Croydon, Anglujo.
446. F-ino H. H. Jones, Morden, Anglujo.
447. F-ino A. W. Renison, London, Anglujo.
448. S-ino K. Thomas, London, Anglujo.
449. W. Thomas, London, Anglujo.
450. C. D. Boatman, Westcliff-on-Sea, Anglujo.
451. R. A. Boatman, Westcliff-on-Sea, Anglujo.
452. A. Exlère, Paris, Francujo.
453. F-ino K. Hancock, Portslade, Anglujo.
454. S-ino A. K. Hansen, Svendborg, Danlando.
455. F-ino R. Fraser, Ilford, Anglujo.
456. F-ino E. Arnold, Belfast, Irlando.
457. O. T. Nicolaisen, Harstad, Norvegujo.
458. F-ino J. Hald, Oslo, Norvegujo.
459. Brazila Federacio Spiritista, Rio de Janeiro, Brazilo.
460. G. L. Preedy, Reading, Anglujo.
461. S-ino E. E. Preedy, Reading, Anglujo.
462. F-ino F. Horncastle, Croydon, Anglujo.
463. F-ino Beatrice Hoyle, Birkdale, Anglujo.
464. F-ino Bertha Hoyle, Birkdale, Anglujo.
465. G. Ballinger, Cheltenham, Anglujo.
466. R. Söchting, Utrecht, Nederlando.
467. S-ino T. Söchting, Utrecht, Nederlando.
468. J. van As, Antwerpen, Belgujo.
469. B. Mathlener, Rotterdam, Nederlando.
470. S-ino S. Mathlener, Rotterdam, Nederlando.
471. G. B. Warren, London, Anglujo.
472. F-ino D. Metcalf, Sunderland, Anglujo.
473. H. Rushby, Whitley Bay, Anglujo.
474. M. Du Merton, London, Anglujo.
475. S-ino B. Du Merton, London, Anglujo.
476. F-ino H. Belbin, London, Anglujo.
477. J. Rodger, Burntisland, Skotlando.
478. F-ino J. Shand, Burntisland, Skotlando.
479. F-ino E. Anderson, Burntisland, Skotlando.
480. S-ino M. Witz, Praha, Ĉeĥoslovakujo.
481. Pastro D. W. Robson, Chesterfield, Anglujo.
482. R. W. Hamilton, Hemsworth, Anglujo.
483. F-ino E. M. Pearson, York, Anglujo.
484. F-ino E. Angrave, Southend-on-Sea, Anglujo.
485. F-ino G. Chambers, Westcliff-on-Sea, Anglujo.
486. F-ino M. Hall, Westcliff-on-Sea, Anglujo.
487. A. J. Shaw, Southend-on-Sea, Anglujo.
488. S-ino J. M. Shaw, Southend-on-Sea, Anglujo.
489. F. H. Messer, Oxford, Anglujo.
490. F-ino P. M. G. Chaundy, Oxford, Anglujo.
491. S-ino H. E. Smith, Oxford, Anglujo.
492. F-ino L. Wildman, Oxford, Anglujo.
493. A. W. Young, London, Anglujo.
494. F-ino E. Cheeseman, London, Anglujo.
495. C. P. Cocks, Croydon, Anglujo.
496. Prof. B. Beau, Mâcon, Francujo.
497. G. de Boes, Ronse, Belgujo.
498. S-ino I. de Boes, Ronse, Belgujo.
499. F-ino A. E. Smith, Huddersfield, Anglujo.
500. F-ino I. L. Buchanan, Edinburgh, Skotlando.
501. J. L. Mackenzie, Newport, Anglujo.
502. G. H. Bentham, Preston, Anglujo.
503. N. Mahrus, Fayoum, Egiptujo.
504. F-ino L. M. Deane, Wimborne, Anglujo.
505. M. D. Dupuis, Paris, Francujo.
506. M. Verraes, Newcastle-on-Tyne, Anglujo.
507. H. Tingey, London, Anglujo.
508. J. Muusses, Purmerend, Nederlando.
509. J. Glück, Amersfoort, Nederlando.
510. S-ino B. Warnes, Hamar, Norvegujo.
511. F-ino C. Waller, Bournemouth, Anglujo.
512. S-ino M. De Rycke, Gand, Belgujo.
513. C. H. H. Satchell, Eastbourne, Anglujo.
514. S-ino S. S. John, Budapest, Hungarujo.
515. B. Cooper, Borås, Svedujo.
516. J. R. Chapellier, Auboué, Francujo.
517. F. W. Buenting, Bruxelles, Belgujo.
518. H. J. Zigmund, Bruxelles, Belgujo.
519. W. A. Cather, Torquay, Anglujo.
520. S. T. Fuller, Brighton, Anglujo.
521. E. F. Usher, London, Anglujo.
522. H. G. Brown, Ilford, Anglujo.
523. G. Pamphilon, London, Anglujo.
524. F-ino C. D. Cameron, Edinburgh, Skotlando.
525. J. W. Mann, Leeds, Anglujo.
526. F-ino A. Robb, Edinburgh, Skotlando.
527. A. E. Gray, Ruislip, Anglujo.
528. D-ro L. Rosenstock, Kraków, Polujo.
529. F-ino N. P. Duncan, Edinburgh, Skotlando.
530. F-ino P. W. van Sijn, Den Haag, Nederlando.
531. F-ino A. K. J. Stephens, Leigh-on-Sea, Anglujo.
532. F-ino E. A. Stephens, Leigh-on-Sea, Anglujo.
533. H. Benson, Blackburn, Anglujo.
534. A. Jolly, Besançon, Francujo.
535. F-ino L. Frankenburg, Sunderland, Anglujo.

536. D-ro D. R. Duncan, London, Anglujo.
537. S-ino E. B. Duncan, London, Anglujo.
538. C. B. Jefferies, Birmingham, Anglujo.
539. W. Tarr, Leigh-on-Sea, Anglujo.
540. S-ino E. Tarr, Leigh-on-Sea, Anglujo.
541. J. Farrand, Doncaster, Anglujo.
542. S-ino E. Farrand, Doncaster, Anglujo.
543. F-ino E. Pullan, Huddersfield, Anglujo.
544. S-ino A. L. Pullan, Huddersfield, Anglujo.
545. T. H. Ridpeth, London, Anglujo.
546. G. M. Hayton, Platt, Anglujo.
574. W. R. Mackay, Ilford, Anglujo.
548. V. Grimmitt, London, Anglujo.
549. S-ino S. Grimmitt, London, Anglujo.
550. J. G. Kinniburgh, St. Margarets, Anglujo.
551. L. G. Allsworth, North Cheam, Anglujo.
552. S-ino D. A. Allsworth, North Cheam, Anglujo.
553. F-ino W. McEldon, London, Anglujo.
554. A. W. Smith, Beckenham, Anglujo.
555. S-ino D. B. Smith, Beckenham, Anglujo.
556. F-ino D. M. K. Hancock, London, Anglujo.
557. W. S. Clark, London, Anglujo.
558. S-ino H. W. Clark, London, Anglujo.
559. F. Clark, London, Anglujo.
560. F-ino E. Clark, London, Anglujo.
561. D. T. Warren, London, Anglujo.
562. F-ino I. D. B. Brown, London, Anglujo.
563. H. C. Groen, Ilford, Anglujo.
564. W. A. Bryant, London, Anglujo.
565. S-ino G. Amos, Pinner, Anglujo.
566. W. Kok, Rotterdam, Nederlando.
567. E. Lawrence, Leeds, Anglujo.
568. H. Milsom, Harrow, Anglujo.
569. S. H. Larking, London, Anglujo.
570. F-ino E. Weir, Bournemouth, Anglujo.
571. F. D. Murphy, Ipswich, Anglujo.
572. A. Lodema, Antwerpen, Belgujo.
573. S. C. Eby, New York, Usono.
574. S-ino C. L. Eby, New York, Usono.
575. A. Gremillet, Nancy, Francujo.
576. S-ino H. Gremillet, Nancy, Francujo.
577. C. Stoeckert, New York, Usono.
578. S-ino M. A. Rougier, Marseille, Francujo.
579. G. Saurin, Marseille, Francujo.
580. R. J. Hurrion, London, Anglujo.
581. F-ino A. E. Baxter, Orpington, Anglujo.
582. S-ino L. Vanhersecke, Coudekerque-branche, Francujo.
583. J. Ghienne, Dunkerque, Francujo.
584. S-ro Degand, Dunkerque, Francujo.
585. F-ino G. Spyns, Dunkerque, Francujo.
586. J. A. Bergvall, Härnösand, Svedujo.
587. F-ino L. Cooper, Borås, Svedujo.
588. F-ino J. Aronsson, Torshälla, Svedujo.
589. F-ino K. Waldén, Ystad, Svedujo.
590. S-ino L. Malmgren, Stockholm, Svedujo.
591. F-ino C. E. I. Roome, Sheffield, Anglujo.
592. A. Hayes, Southsea, Anglujo.
593. S-ino M. E. Hayes, Southsea, Anglujo.
594. C. B. Morgan, Brightlingsea, Anglujo.
595. F-ino H. Wight, Edinburgh, Skotlando.
596. F-ino A. G. Wight, Edinburgh, Skotlando.
597. F-ino M. C. Wilkie, Edinburgh, Skotlando.
598. T. Woolfenden, Rochdale, Anglujo.
599. H. Couteaux, Paris, Francujo.
600. F-ino M. Feldmann, Zlaté Moravce, Ĉeĥoslovakujo.
610. J. F. Kelly, Carshalton, Anglujo.
602. P. Ecker, Ockbrook, Anglujo.
603. F-ino M. Crispin, Southend-on-Sea, Anglujo.
604. F-ino D. M. Asbee, Oxford, Anglujo.
605. C. P. Ormerod, Chorley, Anglujo.
606. S-ino M. Ormerod, Chorley, Anglujo.
607. G. J. Bury, Liverpool, Anglujo.
608. S-ino G. Bury, Liverpool, Anglujo.
609. Prof. W. E. Collinson, Liverpool, Anglujo.
610. F-ino I. L. F. Skinner, Seven Kings, Anglujo.
611. F-ino N. Stevenson, Duddingston, Skotlando.
612. F-ino E. Stevenson, Duddingston, Skotlando.
613. F-ino J. K. Scott, Edinburgh, Skotlando.
614. J. Turnbull, Bristol, Anglujo.
615. S-ino L. Koroma, Somero, Finnlando.
616. S-ino A. I. Turnbull, Bristol, Anglujo.
617. P. De Filippo, Napoli, Italujo.
618. D-ro I. Lapenna, Zagreb, Jugoslavujo.
619. S-ino v. de. Wielen, Nijmegen, Nederlando.
620. C. M. Cather, Port Said, Egiptujo.
621. S-ino K. B. Cather, Port Said, Egiptujo.
622. J. L. C. Shrewsbury, Warrington, Anglujo.
623. R. Wright, Cheam, Anglujo.
624. S-ino V. Wright, Cheam, Anglujo.
625. E. Lentz, Aberdeen, Skotlando.
626. C. E. Jacklin, Hull, Anglujo.
627. S-ino E. E. Jacklin, Hull, Anglujo.
628. A. E. Smith, Kettering, Anglujo.
629. L. Friis, Aabyhoj, Danujo.
630. Inĝ. J. R. G. Isbrücker, Den Haag, Nederlando.
631. J. Friedrich, Košice, Ĉeĥoslovakujo.
632. Š. Szeemann, Košice, Ĉeĥoslovakujo.
633. P. Mailard-Salin, Besançon, Francujo.
634. S-ino H. Mailard-Salin, Besançon, Francujo.
635. F-ino F. H. Hanbury, Hornchurch, Anglujo.
636. S-ino M. Haudebine, Paris, Francujo.
637. W. S. Chalmers, Glasgow, Skotlando.
638. S-ino J. Chalmers, Glasgow, Skotlando.
639. F-ino I. Cochrane, Dunfermline, Skotlando.
640. F-ino N. C. Giles, Southport, Anglujo.
641. F-ino A. Holt, Rossendale, Anglujo.
642. F. W. W. Simmons, Purley, Anglujo.
643. T. P. Fargher, Douglas, Anglujo.
644. F. Winzer, Bristol, Anglujo.
645. S-ino W. Winzer, Bristol, Anglujo.
646. H. Atkinson, Dorchester, Anglujo.
647. E. Flint, London, Anglujo.
648. J. B. Low, Hitchin, Anglujo.
649. F-ino R. J. Rees, Seven Sisters, Kimrujo.
650. F-ino E. Rees, Seven Sisters, Kimrujo.
651. E. J. Watson, Stanmore, Anglujo.
652. L. Wineman, London, Anglujo.
653. M. Jacobs, London, Anglujo.
654. C. F. King, London, Anglujo.
655. F. W. Perrin, London, Anglujo.
656. S-ino N. Perrin, London, Anglujo.
657. A. C. Perrin, London, Anglujo.
658. S-ino Perrin, London, Anglujo.
659. I. Roth, London, Anglujo.
660. M. A. Arger, Paris, Francujo.
661. F-ino J. B. Seckel, Almelo, Nederlando.
662. F-ino R. M. Spencer, Halifax, Anglujo.
663. S-ino R. Dommerholt, Deventer, Nederlando.
664. F-ino T. Putto, Arnhem, Nederlando.
665. S-ino C. C. Oldham, Timperley, Anglujo.
666. S-ino C. A. Lawton, Hyde, Anglujo.
667. R. Kenworthy, Blackpool, Anglujo.
668. S-ino C. Kenworthy, Blackpool, Anglujo.
669. A. E. Boyer, Cannes, Francujo.
670. T. Collier, Cambridge, Anglujo.
671. S-ino T. Collier, Cambridge, Anglujo.
672. F. S. Leigh-Browne, Gerrards Cross, Anglujo
673. G. Luscombe, Bradford, Anglujo.
674. C. G. Chinn, Welwyn Garden City, Anglujo.
675. S-ino L. A. Chinn, Welwyn Garden City, Anglujo.
676. J. W. Chambers, London, Anglujo.
677. J. C. Chadwick, Rochdale, Anglujo.
678. S. H. Wighton, Dundee, Skotlando.

679. F-ino J. D. Bald, Edinburgh, Skotlando.
680. F-ino A. D. Bald, Edinburgh, Skotlando.
681. W. G. Phipps, Cheltenham, Anglujo.
682. G. L. G. Messer, Oxford, Anglujo.
683. A. Harrison, Oxford, Anglujo.
684. A. Clavenna, Genova, Italujo.
685. W. Bow, Portsmouth, Anglujo.
686. G. ten Doesschate, Kingston, Anglujo.
687. R. F. Jervis, Slough, Anglujo.
688. J. T. Harrod, Olton, Anglujo.
689. F-ino E. Wheatley, Birmingham, Anglujo.
690. Pastrino G. Mewhort, Boston, Anglujo.
691. F-ino M. Matthews, Crewe, Anglujo.
692. F-ino E. Broster, Crewe, Anglujo.
693. J. F. Yeomans, Barrow-in-Furness, Anglujo.
694. S-ino E. Yeomans, Barrow-in-Furness, Anglujo.
695. F-ino A. Bower, Sheffield, Anglujo.
696. F-ino N. R. Sheppard, Birmingham, Anglujo.
697. E. Lee, Crewe, Anglujo.
698. S-ino E. Lee, Crewe, Anglujo.
699. J. Alofs, Bruxelles, Belgujo.
700. S-ino S. Alofs, Bruxelles, Belgujo.

**Laŭlanda Statistiko de la Aliĝintoj**:—Anglujo, 461; Aŭstrujo, 2; Belgujo, 18; Brazilo, 3; Ĉeĥoslovakujo, 6; Danujo, 4; Egiptujo, 3; Finnlando, 3; Francujo, 47; Germanujo, 4; Hispanujo, 2; Hungarujo, 1; Irlando, 2; Italujo, 5; Jugoslavujo, 1; Kanado, 1; Kimrujo, 6; Nederlando, 29; Norvegujo, 11; Polujo, 7; Rumanujo, 1; Skotlando, 35; Svedujo, 14; Svislando, 4; Usono, 4. Entute 674 el 25 landoj.

**Post-Kongresaj Biciklado kaj Tendaro por Gejunuloj.**—Detaloj aperos en la marta numero.



# Instruista Kunveno

**Sabaton, la 8an de Januaro, en University College, London.**

Sub la gvidado de f-ino G. H. Moxon, M.A., okazis tre vigla kaj aferema kunveno.

S-ro M. C. Butler priparolis siajn lastatempajn vizitojn al lernejoj tra la tuta lando, kaj konstatis pligrandiĝon de la nombro de gelernantoj, kiuj studas Esperanton, kaj pliboniĝon de instruado.

Sekvis raportoj de kvin geinstruistoj, elektitaj pro la diverstipeco de iliaj lernejoj. F-ino Edwards (altgrada lernejo) menciis progreson de lernantinoj per Esperanto post la forlaso de la lernejo. F-ino Walters (centra popollernejo) parolis pri la instruado de Esperanto anstataŭ la franca lingvo en kelkaj klasoj. S-ro Toms (elementa lernejo) substrekis la intereson inter 300 knaboj en 9 klasoj pro enkonduko de Cseh-metodo. F-ino Ball (kolegio por blinduloj) raportis pri siaj gelernantoj inter la aĝoj 13–35. F-ino Nixon (daŭriga taglernejo) aludis la daŭrigon de la kursoj en duan jaron kaj postan ĝuindan viziton al la Esperanto-Domo, Arnhem.

Kun granda intereso oni aŭdis de f-ino Sawyer, kiel organiziĝis la Internacia Libertempo en Tinker's Farm lernejo, laŭ permeso de la Edukada Komitato. Tre kontentiga estis sciiĝo, ke *La Juna Vivo* organizas similan aferon por aŭgusto 1938.

Oni pritraktis interlernejan agadon, speciale korespondadon; la pretigon de taŭga lego-libro; ankaŭ, kun laŭdo, la internaciajn kursojn por geinstruistoj en Arnhem kaj Helsingör.

Finfine oni aŭskultis bonegan kaj humorplenan paroladon de f-ino Margarete Saxl pri ŝiaj kursoj por infanoj kaj geinstruistoj en Danlando.

Inter la ĉeestantoj estis f-ino Margery Fry, Prof. N. B. Jopson (Universitato de Cambridge), kaj s-ro Nowell Smith.

---

**LERNEJA KORESPONDADO**

Lastatempe malfermiĝis Internacia Korespondad-Oficejo de T.A.G.E. por Geinstruistoj kaj Gelernantoj. La oficejo presigos senpage la adresojn, kiujn oni sendos al ĝia sekretario: *s-ro K. H. Sportel, Nieuw-Scheemda (Gr.), Nederlando.* Kiu deziras ricevi numeron de *Internacia Pedagogia Revuo*, kunsendu respondkuponon.

**LASTHORE PRI LA XXXa**
**Diservo** okazos en City Temple.
**Aliĝis** ĝis la 20a de januaro 896 personoj.

